# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 27/12/2013 Cent kvardekkvina Eldono 27/12/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 260** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl✚alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu, fotoj bonvenaj.




Karaj, Jen desegno de Hori Jasuo, japana esperantisto. Amike, Nicole

# Kompetentaj lingvistoj aŭskultas la Retradion ĉiun tagon

6/12/13 elsendita



Purigi la cerbon dum dormado
http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Unu el la plej grandaj misteroj de la vivo estas solvita: Kial ni dormas kvankam dormado estas danĝera. Sed devas esti. La cerbo dum dormado forzorgas tiam siajn rubaĵojn kiuj ofte estas tiom venenaj ke ili kaŭzas malsanojn kiel Alzheimer. Dormado estas - almenaŭ en libera natura medio - riska afero. Multaj rabobestoj ĉasas dum malhelo. Kaj tamen ĉiuj dormas, de la plej malgranda muŝo ĝis la plej granda elefanto, nur la daŭro de la dormado diferencas. Vespertoj tradormas 20 horojn de la diurno, elefantoj bezonas nur 4 horojn. Kaj ni homoj? Trionon de nia vivo ni pasigas en tiu stranga stato, dum kiu vere preskaŭ nenio dormas, la koro pumpas, ankaŭ la cerbo aktivas, nur la sensorganoj estas luligitaj kaj la skeletmuskoloj grandparte ĉesas aktivi, alikaze ni saltus tra la ĉambro dum dormado kaj vundigus nin mem aŭ aliajn homojn.

Kiucele ni kaj ĉiuj aliaj faras tion, se do minacas danĝero? Oni ne scias resp. oni havis nur hipotezojn, ekzemple tiun, ke la cerbo dum dormado forzorgas rubon, nome venenajn metabolajn produktojn de la dumtaga laboro, aŭ alian hipotezon, ke la cerbo dum dormado trafoliumas la tagon, eliminas malgravajn memorojn kaj pli firme instalas la gravajn. Jes, tio estas ĝusta, sed tio ne kompensas la riskon de la minimuma perceptado de la medio. Kial do? Ĝis nun oni konis nur vere tre nesufiĉan respondon el la negativo: Se oni forprenas de ratoj la dormon, ili mortas almenaŭ post 14 tagoj. Malsaton ili eltenas pli longe. Kaj se oni forprenas la dormon de homoj, ili post mallongega tempo kolapsas resp. iliaj volaj fortoj - kaj tion elprofitis torturistoj dum ĉiuj epokoj. ktp ktp ktp Ctrl+alklaku la bluajn lokojn)









Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj, novaĵo kaj via Esperantista familio ĝojos.



la 29an de Decembro, je tagmezo ĉe Esperanto-Domo en Sidnejo. Parolu Esperanton kun viaj amikoj. Renkontu eksterlandanojn.

Kafo, teo, tujsupo, nudeloj, ktp, Muziko, videoj, diskutoj, ktp

Franca gazeto **"ESPERANTO-PROVENCE"** http://www.esperanto-provence.org/spip.php?article163

# plia rakonto de BookBox




Mi tre ŝatas tiun rakonton pri Mikelo la sitelo

http://www.youtube.com/watch?v=O0kccFdBsHA Nicole

# jarfinaj bondeziroj el Ostravo

http://www.youtube.com/watch?v=lsNBULDjj6M Nicole

# Esperanto-Pentekosto www.esperanto.tv

**En la Itala lingvo** **Roger Springer**

**http://www.youtube.com/watch?feature=player_detailpage&v=SDXp7FXpZi4#t=155**



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf;

Unu taso da senpaga kafo. Sabaton la 21an de Decembro venis 12 anoj kaj vizitantoj.






Yoram Gross, tre fama filmreĝisoro kontaktis la "meetup" grupon, ĉar li volas diri kelkajn vortojn en Esperanto en prelego kiun li faros venontmonate en Novjorko.
Bonvolu legi pri la multaj aferoj kiujn Yoram Gross faris http://en.wikipedia.org/wiki/Yoram_Gross Li vere estas tre admirinda persono.
" In 1995 he was awarded the prestigious Order of Australia for his outstanding achievements and for his contribution to the Australian film industry."
Amike, Nicole

# Relegi la ruĝan libron

Kara Roger,
Koran dankon pro la regula publikado de via novaĵletero.
Mi opinias ke la propono de Jennifer Biŝop, relegi la ruĝan libron ( mi ne celas tiun de Mao - Zedong, sed la libreton de Igor Couto). Post tiom longa tempo, la legantoj povos legi ĝin pli pace kaj racie, sen la premo kaj emocioj, kiuj akompanis ties publikadon, kaj finfine konscios ke la argumentoj kiam ili ne estas falsaj , estas pli ridindaj ol konvinkaj.
Kompari la celojn de Amnestio Internacia aŭ de 3ZZZ, kiu enhavas milojn da membroj kaj uzas multe da mono pro la necesaj ekipaĵoj al tiuj de AEA, por citi nur tion.
Plie Ivan kaj Heather Heldzingen ne kunlaboris. Mencio de ilia nomo estis nur trompo por doni la impreson de tiu libro estis la rezulto de debato, kiun la apogantoj de kompanio tute ne volis havi.
Mi estis misfamigita, eksigita nur ĉar mi interalie ne apogis la ŝanĝon. Necesis iamaniere forigi la kontraŭajn voĉojn por ke la ŝanĝo okazu.
Ĉu pro tio ke multe da mono estis vane elspezita, necesas daŭrigi por pravigi ion nepravigeblan?
Franciska

# Propono ŝanĝi la statuton. Ronald Gates



Mi rimarkis, ke, kadre de la venonta jara ĝenerala kunveno de AEA, membroj konsideros proponon ŝanĝi la statuton, por ke AEA refoje iĝu asocio.

Kiam AEA alprenis la formon de kompanio, tiu ŝanĝo, kune kun diversaj misagoj de la tiama estraro, instigis min ĉesigi mian membrecon.

Kvankam mi ne prenos parton en la januara kunveno (kaj, pro la limigoj de miaj naŭdek jaroj,

ne povus ĉiuokaze vojaĝi al Kanbero), mi deziras sciigi al miaj amikoj inter la aŭstralia esperantistaro, ke, se la proponita ŝanĝo al asocio ja efektiviĝos, mi tuj kaj ĝoje renovigos mian membrecon de AEA.

Ron Gates

---

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001 Venu al Kanbero 3 ĝis 12 Januaro 2014 Come to Canberra

---



## Kompanio aŭ Asocio

11-12-2013 Kompanio v Asocio, Esperanto+A

**Por membroj de AEA:**
**Speciala rezolucio: ĉu la strukturo de AEA reŝanĝiĝu al enkorpigita asocio aŭ daŭru kiel ne-profita kompanio?**

En la jarkunveno en januaro 2014 dum la kongreso en Kanbero, okazos speciala rezolucio por reŝanĝi la strukturon de AEA al enkorpigita asocio, registri ĝin en Viktorio, kaj alpreni la novajn modelajn regulojn kiujn rekomendas Consumer Affairs Victoria (Reformleĝero de 2012 por la enkorpigado de asocioj).

Tiaj ŝanĝoj postulos plimulton de tri kvaronoj de la membroj voĉdonantaj por la speciala rezolucio, aŭ per poŝta voĉdono aŭ en la jarkunveno.

Ĉi tiu artikolo konsistas el du argumentoj. La unua argumento, verkita de Heather Heldzingen, prezentas la vidpunkton de asocio. La dua argumento, verkita de Kam Lee, prezentas la vidpunkton de ne-profita kompanio.

La estraranoj estas dividitaj pri la afero, sed plejmulto de ili subtenas reŝanĝi AEA-n al asocio. La propono por la ŝanĝo estas proponita de Heather Heldzingen kaj subtenita de Indrani Beharri-Lall.

---

## Por enkorpigita asocio:

Kiel vi ĉiuj scias, la strukturo de AEA estis ŝanĝita en 2008 de enkorpigita asocio al kompanio garantie limigita.

En tiu tempo okazis multe da debatado (iom tre akra) pri la ŝanĝo kaj ĝiaj

konsekvencoj. Oni luis konsiliston je alta kosto, por doni konsilojn pri la plej taŭga strukturo por nia organizo. Lia konsilo estis ke ambaŭ strukturoj estas funkciigeblaj sed ke, pro la tiama politika atmosfero en la organizo, la tiama strukturo (enkorpigita asocio) retenatu. Tiu konsilo ŝanĝatis, post konsiderinda premo de la tiama prezidanto, kiu insistis ke ni ŝanĝu al kompanio garantie limigita.

Ankaŭ (senpaga) leĝista konsilo ricevatis el la tiama Department of Consumer Affairs en Viktorio, kiu, ekzameninte la enspezadon kaj la aktivecojn de la organizo, forte konsilis ke AEA retenu sian staton de enkorpigita asocio. La estraro de AEA malatentis tiun konsilon.

El post la ŝanĝo al kompanio, la temporabaj kaj financaj kostoj por obei la novajn regulojn estis konsiderindaj. En 2008 oni verkis novan statuton, kiu montriĝis ne protektas la membrojn de neleĝaj eksigoj definitivaj kaj portempaj. Ĝi ebligis ke granda parto de la posedoj de AEA estu elspezita, kun la rezulto ke la sumo en la fondusoj nun multe malpliiĝis.

Unu el la debatoj pri la ŝanĝoj estas ke asocio ne rajtas vendi librojn ktp al ne-membroj, sed tio ne estas vera. Jen citaĵo de "Associations Incorporation Reform Regulations 2012, Section 68 – Source of funds":

"The funds of the Association may be derived from joining fees, annual subscriptions, donations, fund-raising activities, grants, interest and any other sources approved by the Committee"

La plejmulto de la nuna estraro trovis ke sekvi la direktigojn de ASIC (Australian Securities and Investments Commission) estas tre temporaba kaj monraba. Ni trovis neniujn avantaĝojn por esti kompanio garantie limigita, sed ni scias pri pluraj avantaĝoj por reiri al la modelo de enkorpigita asocio, ekz.:

- pli granda leĝa protektado por la estraro de asocio (AEA pagis por ke antaŭaj direktoroj estu protektataj kontraŭ leĝaj procedoj)
- facileco de registrado de banksubskriboj post ŝanĝo de estraranoj
- malpli komplika kaj labordona jara raportado al ASIC
- manko da longaj kaj malfacilaj ASIC-procedoj post ŝanĝo de direktoroj
- malpli altaj financaj ŝarĝoj de ASIC.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

# Kialoj por daŭro de neprofita kompanio

1) Subteno de nacia organizo anstataŭ ŝtatbazita organizo

La Esperanto-movado en Aŭstralio estas nacie bazita organizo, kies membroj fiere deklaras ke ili devenas el ĉiuj partoj de Aŭstralio.

Kompanio estas nacie bazita organizo kaj ne estas ŝtate bazita organizo. Se AEA nun estus asocio, ĝia formala nomo estus Aŭstralia Esperanto-Asocio de aŭstralia ŝtato ekzemple “La Esperanta Asocio de Kvinslando”, aŭ de Sudaŭstralio, Viktorio ktp. Ĉu ano de NSK, SA ktp preferas esti membro de Viktoria asocio (aŭ Okcidenta Aŭstralia asocio ktp) aŭ nacia organizo?

2) Evito de problemoj rilate al malsamaj asociaj reguloj inter ŝtatoj

Kompaniaj reguloj samas tra la tuta Aŭstralia, sed tamen reguloj de ŝtataj asociaj povas malsami inter la diversaj Aŭstraliaj ŝtatoj. La laborŝarĝo de Direktoro de Administrado estas malpli granda dum AEA estas neprofita kompanio, ol se AEA nun estus asocio. Rimarku ke estas ses ŝtatoj en Aŭstralio; tial ses asociaj regullibroj devus esti legataj kaj obeataj.

3) Evito de asocio-rilataj problemoj kiuj nun kontraŭus la korespondajn kursojn kaj refunkciigon de AEA-libroservo. Kompanioj en tuta Aŭstralio povas vendi librojn (ekzemple vortarojn), ESK-gazeton, esperantajn kursojn, flagojn, CD-ojn ktp al membroj de AEA, nemembraj esperantistoj, kaj nemembraj komencantoj, interesantoj, lernejoj kaj aliaj.

Komplikaj aferoj okazos se AEA reŝanĝiĝos al asocio. Asociaj reglamentoj de ĉiu ŝtato pri vendo al asociaj nemembroj devas esti obeataj. En Viktorio, ekde la komenco de novembro 2012 asocioj en Viktorio havas permeson por fari multajn komercajn agadojn. Tamen, asocioj en Novsudkimrujo rajtas vendi komercaĵojn nur al asociaj membroj.

La restarigo de la AEA-Libroservo trafus la sekvantajn problemojn se AEA nun reŝanĝiĝus al asocio.

3a) Laborantoj de la NSK-libroservo ne rajtus vendi librojn al ne-membroj de AEA kaj eĉ ne al ne-membroj de AEA en Viktorio.

3b) Laborantoj de la libroservo en Viktorio ne rajtus vendi librojn al ne-membroj de AEA en NSK.

3c) Laborantoj de la libroservo devus kontroli la membrecan statuson kaj loĝŝtaton de ĉiu kliento (ekz. ĉu la kliento estas ne-membro de AEA kiu loĝas en NSK? ktp)

3ĉ) Malsimpla reklamada agado devus esti planita por la vendo de komercaĵoj.

Laŭ simila logiko, estus kontraŭleĝe por ne-membroj de AEA en NSK aĉeti korespondajn kursojn de AEA.

Ĝenerala informo pri kompaniaj administraj aferoj de AEA:

a) La registrado de novaj direktoraj banksubskribantoj post ŝanĝo de estraranoj estas facila kaj rapida se la registro de ASIC estas ĝisdata. Bankoj povas facile kontroli la nomojn kaj personajn informojn de la direktoroj per la retejo de ASIC.

b) La informo pri AEA kiun ASIC bezonas: i) financa raporto ii) nomoj kaj personaj informoj

de la direktoroj kaj kompania sekretario. La sendo de raporto de ĝenerala jarkunsido ne estas bezonata.

c) La ASIC-kotizo konsistas el jara registra kotizo kiu estas $43.00. Monpunoj eblas pro malfrua pago de jara registra kotizo aŭ malfrua sendo de financa jarraporto.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

# Manko da informo rilate al Kompanio aŭ Asocio



Mi demandis Jennifer pri ŝia letero en AE144
Vidu respondon ĉe paĝo 12



Dankon Jennifer,
Ĉu vi povas informi nin (1) kiom, proksimume, estis la „granda monsumo " en dolaroj, (2) kiun avantaĝon tiu elspezo donis al la funkcio de AEA, kaj (3) kiom da membroj AEA gajnis/perdis tuj post la ŝanĝo? Amike Roger Springer



Nun, por esti neŭtrala, mi, Roger S, devas demandi la saman de la subtenantoj/malsubtenantoj de la ŝanĝo al Asocio aŭ resti Kompanio.





**Ankaŭ**

Kiom kostas la ŝanĝon al asocio? La kosto por la ŝanĝo al kompanio estis jam elspezita.
Kiom da mono oni ŝparos per la ŝanĝo?
Kiom da mono oni perdos per la neŝanĝo?
Kiom da eksigitaj anoj realiĝos al AEA?
Ĉu estas grave ke ili aliĝu al AEA konsiderante la koston?





Ĉu la nuna mono kiu iras al ideoj de "aeraj feinoj" ne eblus post ŝanĝo al asocio? (Gordon Coleman AE144)



Ĉio dependas de la agoj de la Direktoroj. La Direktoroj elspezas monon, esperebl saĝe, por la bono de la movado.
Sed kiel nia historio montras ne ĉiam por aferoj ne kritikendaj.







Eble AEA (asocio aŭ kompanio) povus detale publikigi la en/elspezojn por la periodo inter aferkunveoj simile al la EFNSK. Tiel la Esperantistaro vere scias pri la financoj de AEA kaj povus aplaŭdi, malaprobi aŭ silente konsenti frue sen misinformitaj onidiroj.



## La Rezolucio kaj la libroservo



Pri la rezolucio por ŝanĝi AEA al Asocio. Se la celo de la ŝanĝo estas ankaŭ rilate al la libroservo, kiom da libroj vendiĝis ĉiun jaron? Ankaŭ kiom da mono AEA ricevis? Dianne Mitchell



**KANBERO** **URSULA HALL** Building 50, Daley Rd
The Australian National University Canberra ACT 0200 **Google-mapo**

## 3–12 januaro 2014

La unua ero estos kunmanĝado vendredon la 3-an de januaro.
La lasta ero estos la matenmanĝo de dimanĉo la 12-an de januaro.

# 14. Lingvaĵo iom pri La Predikativoj. A. Marcel

Bonestu kompari la sekvantajn parojn:

1a. Mi ESTAS NASKITA en 1950. --------------------------- 1b. Mi NASKIĜIS en 1950.
2a. Li min TROVIS KULPA. ----------------------------------- 2b. Li min AKUZIS.
3a. Li IĜIS MALSANA. ------------------------------------- 3b. Li MALSANIĜIS.
4a. Oni lin ELEKTIS PREZIDANTO. -------------------------- 4b. Oni lin PREZIDANTIGIS.
5a. Tio ESTAS STUDINDA. ---------------------------------- 5b. Tio STUDINDAS.
6a. La transiro ESTOS EBLA. -------------------------------- 6b. La transiro EBLOS.
7a. Ŝi IGIS ĝin MANĜI. ----------------------------------- 7b. Ŝi MANĜIGIS ĝin.
8a. La monujo ESTIS TROVATA hieraŭ. ------------------ 8b. La monujo TROVATIS hieraŭ.
9a. Ŝi NAĜIS NUDA. -----------------------------------------9b. Ŝi NUDNAĜIS.
10a. Oni JUĜIS lin KULPA. -------------------------------- 10b. Oni KULPJUĜIS (KULPIGIS) lin.

Vi konstatos:

A. ke en la b.-frazoj la ago esprimatas per unu vorto, Verbo, la sola vorto en la Predikato.
B. ke la a.-frazoj esprimas la preskaŭ saman agon per almenaŭ du vortoj, Verbo kaj Neverbo.

C. ke la Predikatoj en la a.-frazoj enhavas Adjektivon aŭ Substantivon, kiuj kune kun la Verbo esprimas la agon kaj formas la Predikaton. Kiel menciite antaŭe, tiu neverba parto indikanta la agon nomiĝas la Predikativo, kiu cetere povas esti ankaŭ Numeralo aŭ Pronomo aŭ Prepozitivo aŭ eĉ Suborda Propozicio.

Kio do estas la bezono havi tiajn kombinpredikatojn? La karaktero de tiaj Predikatoj estas, ke la neverba parto difinas samtempe la Verbon kaj la Subjekton aŭ la Objekton. Pro tio oni povas (kaj en kelkaj lingvoj oni faras tion) meti antaŭ la neverbajn vortojn la ekstran vorton "esti" aŭ "estanta", ekz. "Li restis laca" > "Li restis esti laca" kaj "Ni trovis ŝin ĉarma" > "Ni trovis ŝin esti ĉarma". Krome inter la senprediktiva formo kaj la predikativa formo estas nuanco da diferenco de signifo, kio igas la lingvon pli riĉa.



(daŭrigota). Marcel Leereveld.



# La adelajda Zamenhof-tago

La adelajdan Zamenhof-tagon partoprenis 14 esperantistoj. Kiel kutime, ĝi okazis en la domo de Indrani Beharry-Lall en bona, festa etoso.

Sendis Katja Steele

# Kompanio aŭ Asocio Jennifer Bishop respondis

Mi alkroĉas la raporton senditan de Steve, sed li ankaŭ sendis ĉi tiujn, laŭ li, plej gravajn punktojn: BV. STEVE LEGU MIAN TRADUKON.
ĈU ĜI ESTAS BONA, SPECIALE No 6 ĈAR MI NE CERTAS.
1. Plej malgranda diferenco pri dumjara kosto.
2. Plej malgranda diferenco je obeo (compliance) (ASIC havas pli fortajn sankciojn je malfruaj avizoj (28 tagoj) je ŝanĝo de direktoroj.
3. La diversaj ŝtataj strukturoj de asocioj ne estas normigitaj, ili ne estas intencitaj por naciaj organizoj.
4. Ni (Heather, Ivan, Miranda kaj Stephen) konsilatis de tri sendependaj advokatoj, kiuj specializis pri NROoj, ke la kompanistrukturo taŭgus plej al AEA por permesi al la organizo kreskadon kaj provizas pli bonan protektadon al nia membraro.
Plue, ke restante kiel asocio kaj uzante ABRN-on por interŝtataj aferoj ne taŭgas ĉar ABRN intencatis je unu-nuraj eventoj kaj ne por daŭraj aktivaĵoj
kiel dungado de persono kaj/aŭ funkciado de bankokontoj interŝtataj.
5. EFNSK estas kompanio limigita per Garantio ekde 1968. Ankaŭ plej multaj NROoj havas strukturon de kompanio (ekz Amnesty int, ACF ktp)
6. Sub la strukturo de kompanio, alligitaj ' filiaj' kluboj ja ricevas ŝirmon de asekuro publika respondeca (Public Liability Insurance) sub la kap-politiko de AEA.
Ĉi tiu ne estas la plej granda kosto, kaj (donas helpon) al multaj malpligrandaj kluboj kiuj ne havas asekuron.
La ruĝa libreto, eldonita kaj sendita al la membraro en 2006 prezentas detaligitajn argumentojn por kaj kontraŭ, tamen kelkaj reguloj kaj por asocioj kaj por kompanioj estas intertempe ŝanĝitaj.
La kosto por stabiligi kompanion en 2006 estis relative malalta: $400 al ASIC registrejo kaj proksimume $800 por profesia konsilado.

Mi esperas ke la membraro havos la ŝancon legi ĉi tion.
Multajn bondezirojn por la nova jaro,
amike,
Jennifer

Report on AEA Governance 30 August 20-06 pdf

Report on AEA
Governance - 30 Augu